# INTERNACIA ĴURNALISTO



JARO VI. SOFIA — BULGARIO
OKTOBRO — DECEMBRO 1962, № 6

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## LA KONGRESEJO EN SOFIA

*Kiel sciate, la 48-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en Sofia, Bulgario, 3—10 de aŭgusto 1963. La bildo montras la estontan kongresejon (La Sofia Universitato).*

# KONTRAŬ MALJUSTECO

**La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" ricevis de nia komitatano en Moskvo N. F. Danovskij kopion de letero kiun li sendis al la redakcio de la gazeto „Wochenpost"**

Moskvo 10. 8. 1962.

AL REDAKCIO DE L' „WOCHENPOST"
MAUERSTRASSE 86, BERLIN W 8
GERMANA DEMOKRATA RESPUBLIKO

Estimataj kamaradoj redaktoroj,

En Via ŝatata gazeto „Wochenpost" № 25 de la 23 de junio 1962 aperis la artikolo „Eine schlechte Zenzur" de Walter Oehme. La aŭtoro prenis por si gravan taskon montri la aktualecon de l' interpopola proksimiĝo per artefaritaj lingvistaj rimedoj.

Analizante du eblojn de la solvo nuntempa de la problemo de kontakta lingvo, t. e. artefarita helplingvo Esperanto por natura uzado en la internaciaj kontaktoj, kaj inventon de l' lingvo-peranto por simpligi kulturan interŝanĝon per maŝina traduko, li certe subtaksas la unuan eblon kaj supertaksas la duan.

Tute decide la aŭtoro sin montras la adepto de l' maŝina traduko kaj malamiko de Esperanto, kvankam el liaj rezonoj nur sekvas ke li ne scias Esperanton, nek ĝian rolon en nuntempaj internaciaj kontaktoj. Por pruvi sian pravecon li akceptas nepermesitajn rimedojn en serioza trakto. Nome, prisilentante ion, li aliigas kaj kripligas la alion.

Li asertas, ekzemple, ke la eksperimento kun Esperanto fiaskis, ke simplaj naciaj lingvoj (angla, franca), eĉ la morta latina, kiun li ankaŭ aligas al la naciaj, estas ĉiuj egalaj laŭ facileco kun Esperanto, ke Esperanto ne havas sian literaturon, kaj oni devas ankoraŭ krei ĝin, kaj tutan aron da aliaj elpensaĵoj. Ĉiujn liajn argumentojn estas tute facile refuti, ĉar ili ĉiuj estas suĉitaj el fingro.

Tiamaniere la tuta historio de Esperanto, ĝia literaturo, ĝia movado kaj sukcesoj estas anstataŭigitaj per iuj puraj elpensaĵoj, kiujn oni proponas al fidema leganto, kiel akton. Kaŝinte la realon kaj la veron pri la lingvo internacia, la aŭtoro senĝene riverencas antaŭ la tradukmaŝinoj, kiuj ankoraŭ neniе en la mondo tradukis ion ajn krom kelkajn speciale preparatajn telegramsimilajn frazojn. Tamen, ni ne dubas, ke certan rolon en iuj specialaj branĉoj la tradukmaŝinoj povas havi en estonto. Dum en nuntempo la aŭtoro skribas pri sia revo, kvazaŭ pri io vere ekzistanta, samtempe piedfrapante reale ekzistantan fakton.

Certe la du proponataj vojoj estas antipodaj. La tradukmaŝinoj ne bezonas Internacian Lingvon. Kaj la Internacia lingvo tute superfluigas la tradukmaŝinojn. Sed tio, kio estas komprenebla por la disputantaj iloj, estas tute ne konvena al la gazeto. La gazeto tamen devas ĝustigi troecajn ideojn de siaj aŭtoroj, por ke la leganto ricevu veran bildon pri la realo.

Por ripari la malĝustan bildon, pentritan de W. Oehme rilate Esperanton, oni devas doni lokon en la gazeto ankaŭ al la alia alo.

Kaj mi konsilus al la redakcio de „Wochenpost" peti iun kompetentan kamaradon (ekzemple kamaradon Schödl el Neŭruppin) verki artikolon pri la nuna stato de Esperanto en la mondo. Li povus fari ĝustan bildon pri tiu temo, rakonti pri la lingvo, ĝia literaturo, ĝia praktika apliko en la grava

sfero de internaciaj kontaktoj, en radiodisaŭdigoj k. t. p.

Tiam la legantoj ricevus veran bildon pri la nuna movado kaj eĉ ili tre facile povas fari mem konkludon, ke en la nuna mondo la interrilatoj inter diversaj popoloj, literaturoj, gazetoj pere de l' Internacia Lingvo estas kolosaj, dum pere de la maŝintraduko ili estas nulaj.

Mi estus tre danka al Vi, se Vi bonvolus publikigi mian leteron.

Sincere via

Nikolao DANOVSKIJ
USSR, Moskvo G-34.
Metrostroevskaja 3. I. N I.

## CU MISKOMPRENO?

En la redakcio de „Int. Ĵ—sto" estis ricevita ankoraŭ unu letero, tuŝanta la artikolon de la germana gazeto „Wochenpost." Ni aperigas ankaŭ ĝin ĉi sube.

„Kohtla—Jarve, Sovet—Unio.
Estimata redaktoro,

En la semajna ĵurnalo „Wochenpost" (Germana Demokrata Respubliko). No 25 23. VI. 1962) aperis la artikolo „Eine schlechte Zenzur" de M. Oehme, en kiu la aŭtoro parolas pri la maŝintradukado. Li samtempe tuŝas ankaŭ la problemon pri internacia lingvo. Pri Esperanto W. Oehme diras interalie, ke ĝi fiaskis, ke estas pli facile ellerni la anglan, francan aŭ hispanan lingvojn ol Esperanton aŭ „Idon".

Konsiderante, ke la ĵurnalo „Wochenpost" estas vaste legata krom en Germanio, ankaŭ en aliaj landoj, mi opinias, ke estus necese doni indan rebaton al la kalumnio kontraŭ Esperanto.

Kun sinceraj salutoj
O. Kingsepp

---

# PROPONOJ POR KUNLABORADO

1) Mi legis en la ĵurnalo „Le Courrier de l'UNESCO" (La Kuriero de la UNESCO), franca eldono, en la numero de decembro, rubriko „Niaj legantoj skribas al ni" 2 leterojn temante pri Esperanto.

Unu, en franca lingvo, de E. D. Allen, Dunebin, Novzelando, sub la titolo „Detrui Babelon", en kiu S-ro Allen respondas al artikolo aperinta en junio pri la nunaj komunikrimedoj (radio, televido Telestar, ktp . . .) kaj proponas Esperanton kiel lingvon por informado (29 linioj de 35 literoj).

Unu en Esperanto, samlonge, de J. VELEZ Barcelono, Hispanio, sub la tit lo „Pere de Esperanto, en kiu s-ro Velez dankas kaj gratulas „La Kuri ero de la UNESCO" pro ĝiaj interesaj artikoloj ĉefe pro la numero „La luktado kontraŭ la malsato". Entute, la 2 leteroj okupas 1/3-on de la rubriko.

Laŭ mi, la aperado de tiuj 2 leteroj estas tre grava punkto, kaj mi opinias, ke la esperantistaro devas vigle kaj entuziasme reagi. „La Kuriero de la UNESCO" estas tre beleldonita kaj interesa ĵurnalo, kiu temas pri la problemoj de Edukado, Sciencoj, Kulturo (ankaŭ pri socialaj aferoj), en la tuta mondo, ĉefe en la novaj landoj. Ĝi havas 8 eldonojn (franca, angla, rusa, hispana, germana, araba, usona, japana). Normale, la 2 leteroj aperis en ĉiuj eldonoj. Sed mi ne estas certa pri tio. Mi legas tiun ĵurnalon de pluraj jaroj. 2 aŭ 3 foje aperis leteroj en franca lingvo, en kiuj oni menciis Esperanton. Neniam aperis letero en Esperanto. Mi do proponas al vi, ke vi skribu al „Courrier de l'UNESCO", Place de Fontenoy, Paris, Francujo, por danki. por gratuli, por citi faktojn, kiuj montras, ke Esperanto estas utila por Edukado, Scienco, kaj Kulturo, por peti, ke oni presigu aliajn leterojn en Esperanto, ktp . . . Kaj, estonte, kiam vi konos interesan fakton pri Edukado, Sciencoj kaj Kulturo skribu ĝin al UNESCO en Esperanto. Tiel ĝi konstatos, ke Esperanto vivas kaj utilas.

2) Mi skribas artikolojn pri Esperanto por la ĵurnalo de la sindikato de la Geinstruistoj en Francujo. Bonvolu sendi al mi en Esperanto ànoncojn aŭ artikolojn (ĝis 100 aŭ 120 linioj de 44 literoj) temante pri edukado. Mi tradukos ilin, kaj indikos la E. devenon. Bona propagando por Esperanto. Mia adreso: G. PERRA, 145 Avenue Lacassagne, Lyon, 3e Francujo.

3) En la sama celo, bonvolu sendi al mi anoncojn (mallongajn, ĝis 30 linioj de 40 literoj, proksimume) temante pri socialaj aferoj en via lando, por la bona ĵurnalo „Malsato kaj Soifo" („Faim et Soif"), nia simpatiulo. Mi same tradukos kaj indikos la E. devenon.

Por la punktoj 2 kaj 3, vi eĉ povas sendi longajn, sed valorajn artikolojn, kiuj povus esti represataj post traduko. Tio jam okazis por bona artikolo pri la oficiala instruado en Izraelo.

G. PERRA

## HAĜI DIMITRO

de Ĥristo Botev*

*Viva li estas... Sur la Balkano*
*en sang' dronanta kuŝas kaj ĝemas*
*vundita bruste juna bandano —*
*profunda vundo la korpon premas.*

*Pafilo ŝtala jene vidiĝas*
*rompita sabro flanke... li svenas..*
*Krepuska vido: koro skuiĝas, —*
*la tutan mondon buŝo malbenas.*

*Li kuŝas... Kaj elsupre sen fino*
*suno haltinta brilas kolere,*
*en kampar' kantas juna sklavino,*
*kaj sango pli elfluas libere.*

*Rikolto estas... Kantu, popolo,*
*malgaje! Kantu, fratoj, kaj ploru!*
*En sklava land' pereos en solo*
*bravul'! Sed, mia kor', ne doloru!*

*Ja, kiu falas por la Libero,*
*mortas neniam! Pro li ekploras*
*naturo, besto, nubo kaj tero*
*kaj birdoj mira-kante lin gloras.*

*Lin subombrigas aglo fiera,*
*la vundon lekas lupo-kunfrato,*
*falko fortika — birdo libera —*
*apude ankaŭ zorgas pri frato.*

*Vespero venas, luno ekbrilas,*
*surŝutas steloj foron ĉielan,*
*blovetas vento, arboj babilas,*
*Balkano kantas kanton ribelan.*

*Feinoj en blankaĵo irflue*
*komencas kanton—jen proksimiĝas,*
*surpaŝas verdan herbon senbrue*
*kaj al vundito venas, sidiĝas.*

*Jen lin karesas unu facile,*
*sur vundon dua herbojn surmetas,*
*je lipoj tria kisas subtile...*
*Li ŝin rigardas — ŝi nur ridetas.*

*Fratino, diru, diru la sorton*
*de Karaĝa kaj bando fidela,*
*ho, diru — poste sendu la morton,*
*min poste prenu morto la bela...*

*Feinoj aŭdas lian deziron,*
*ĉielen ili flugas kantante,*
*flugas en vastan ili efiron,*
*de Karaĝa spiriton serĉante.*

*Jam mateniĝas... Sur la Balkano*
*venenan vundon lupo lekadas*
*trankvile dormas juna bandano,*
*kaj suno ree brilas, briladas.*

*Tradukis* Ivan Dobrev

*) Hristo Botev (1848–1876) Plej elstara bulgara poeto kaj revoluciulo, pasia ĵurnalisto kaj publicisto, aktiva batalanto por la naciliberigo de Bulgario el sub turka jugo. Lia revo efektiĝis: li pereis kiel gvidanto de bataltaĉmento kontraŭ la turkoj sur la Balkanmontaro, apud urbo Vraca. En la suprepresita balado li prikantas la bravan morton de du aliaj gvidantoj de naciliberiga taĉmento — Haĝi Dimitro kaj Stefan Karaĝa, pereintaj en la Balkanmontaro en lukto kontraŭ la subigantoj turkoj. La poeto mem pereis kiel la prikantitaj bulgaraj herooj.

# LA ESPERANTA FLAGO SUR KILIMANĜARO



Sur sia vojo tra la Afrika kontinento, la „Karavano de Amikeco“ „stumblis“ je Kilimanĝaro, la plej alta monto de Afriko (6010 m.). kaj decidis surgrimpi ĝin. Post kvartagaj klopodoj kaj post tranoktado en tri sinsekvaj kabanoj kaj unu natura groto, kvin el la sep membroj sukcesis atingi la supron de la neĝkovrita estingiĝinta vulkano.

La karavananoj, sub la gvido de la konata jugoslava esploristo kaj prezidanto de IGA, s-ro Tibor Sekelj, hisis kune kun la naciaj flagoj de la ĉeestantoj ankaŭ la Esperantan flagon. Estas interese rememori, ke estis li mem kiu en 1944 kaj 1945 hisis la Esperantan flageton ankaŭ sur Akonkagvo, la plej alta monto de Ameriko.

Post la ascendo de Kilimanĝaro, la „Karavano de Amikeco“ daŭrigas sian vojon pli suden, en plenumo de sia interesa kaj grava programo.

**(Informis A. S.)**

## BALDAŬ APERAS LA NEELDONITA VERKO DE D-RO L. L. ZAMENHOF

*La 4-a volumo de la zamenhofa traduko de l „Fabeloj“ de H. C. Andersen, kiu, pro militaj kaŭzoj restis ĝis nun neeldonita, aperos en februaro 1936.*

*La libro enhavos 24 fabelojn de la fama dana verkisto. Ĝi ampleksos supozeble 224 paĝojn kaj estos ilustrita per 50 artaj desegnaĵoj (el kiuj 10 tutpaĝaj, 20 duonpaĝaj), speciale faritaj por la Esperanto-eldono de unu el la plej elstaraj polaj nuntempaj artistoj, A. Uniechowski.*

*La „Fabeloj“ de Andersen estas eldonataj de „Heroldo de Esperanto“.*

## PERE DE ESPERANTO — ĴURNALISTO

De la redaktoro de la esperanta eldono de „Nuntempa Bulgario“ ni eksciis, ke vizito de la „Suna Bordo“ ĉe la Nigra Maro ŝanĝis la profesian vivon de esperantisto el la Germana Federacia Respubliko. Iama librovendisto Erwin Schlachter, loĝanta en Dinslaken /Ndrh., lastjare entreprenis kune kun s-ano Frèd Doetsch rondvojaĵon tra balkanaj landoj. Pro liaj interesaj raportoj pri Bulgario, kiujn li liveris al du gravaj okcidentgermanaj gazetoj, li estis dungita post sia reveno de „Rheinische post“ kiel konstanta kunlaboranto kaj nun laboras en loka redakcio en Danslaken. Do, li fariĝis ĵurnalisto! En la bulgara ĉefurbo li havis interparoladon kun la redaktoro de „Nuntempa Bulgario“.

## LOKA ĴURNALISTA AKTIVECO

Ni multe laboras por popularigi Esperanton per la loka gazetaro. En ĝi estis publikigitaj pluraj artikoloj pri Esperanto. Krome la murgazetoj de l' Omska Pedagogia Instituto regule publikigas materialojn de ĝia vasta korespondado kun la tuta mondo.

Mi pensas, ke ĉiam la plifortiĝanta ligo inter la Omskaj gazetoj kaj la esperanta gazetaro estas komencaj ĝermoj de ĉiam pli kaj pli fortikiĝanta disfloro de l' ĵurnalista kunlaboro.

**V. KILIKOV, Omsk, USSR**

## NIA POŜTO

*Oktaviano Kastro, Lins, Brazilo. Ni enlistigas vin kiel membron de TEĴA. Nian organon vi ricevados regule. Se vi konas aliajn ĵurnalistojn-esperantistojn en Brazilo aŭ en aliaj latinamerikaj landoj, bonvoli sendu iliajn adresojn al „Internacia Ĵurnalisto“.*

*Iv. Ŝavkun, Gorkij, USSR. Vian poŝtkarton ni ricevis. Vi ricevos „Int. Ĵurnaliston“. Ni petas vin kontaktiĝi kun la komitatano de TEĴA por USSR — s-no N. F. Danovskij, Moskva G-34, Metrostroevskoj 3, kv. l. De li vi ricevos pli da informoj pri TEĴA.*

*D-ro Hj. Unger en Zürich, Svislando. Vian artikoleton ni aperigis en la pasinta n-ro de „Int. J-sto“. Tamen ni petas vin kunlabori al nia organo regule. Se vi konas adresojn de ĵurnalistoj-esperantistoj en via lando, bonvolu sendi ilin al nia redakcio, vi mem varbu membrojn por TEĴA.*

# GRAVAJ PROPONOJ

## El la deklaro de Jugoslavia Esperanto-Ligo koncerne la ĝeneralan staton de esperanto-movado

Konsiderante ke la Esperanto-movado en la mondo ne progresas tiomgrade kiel korespondus al ĝiaj noblaj kaj homaranaj celoj, konsiderante la faktojn ke ekzistas multaj organizaĵoj kaj opuloj kiuj kontraŭstaras la esperantismon kaj Esperanton nekonante iliajn celojn, taskojn kaj jam atingitajn rezultojn, JEL opinias ke la esperantistoj ĉie el la mondo devas eliri el sia mallarĝa fermita rondo kaj ne nur per siaj deklaroj kaj rezolucioj, sed ankaŭ per konkreta laboro en la praktiko, aktivigi kaj evoluigi sian movadon.

*En la deklaro interalie oni proponas:*

La esperantistoj klopodu aktive partopreni la laboron de internaciaj kaj naciaj organizaĵoj kaj institucioj havantaj humanismajn, klerigajn kaj sociajn celojn, ekzemple: Internacia Porinfana Fonduso, internaciaj organizaĵoj de kuracistoj, instruistoj, sciencistoj, junularo ktp. Tiamaniere ankaŭ neesperantistoj povus konvinkiĝi, ke la esperantistoj vere aktive efektivigas la principojn de internacia kunlaboro kaj helpas tie, kie la helpo estas plej necesa, ke esperantistoj kaj iliaj organizaĵoj estas ne iu fermita rondo, nenia sekto, sed konsista parto de la progresemaj kaj vere internaciaj fortoj en la mondo.

La esperantistoj ĉesigu la reciprokan netoleremon kaj nekunlaboron;

La esperantistoj akre reagu al ĉiuj negativaj tendencoj kaj fenomenoj kontraŭ Esperanto, kiaj estas ekzemple la konkludoj de Internacia Kongreso de Neofilologoj okazinta en majo ĉi jare en Vieno. Dum tiu kongreso sen iu ajn scienca argumento estis atakita Esperanto kiel rimedo por la internacia interkompreniĝo.

Antaŭ ĉio la esperantistoj devas konsideri ke ili luktas por la principoj de vera, frata, internacia kunlaboro, por alproksimiĝo de ĉiuj popoloj en la mondo.

---

## JEN LA REZULTOJ

Pere de Esperanto kaj kun la helpo de Teĵanoj mi liveris gazetmaterialojn al nia urba tagĵurnalo „Ŝadrinska Pravda" (Ŝardinska Vero). La 19-an de decembro j. k. la ĵurnalo publikigis sur sia kvara paĝo tutan anguleton, titolita „Ĉe niaj ĉehoslovakaj amikoj". Ĉiuj materialoj por tiu rubriko estis prenitaj el la famekonata praga satira gazeto „Dikobraz". Ilin mi ricevis de mia korespondamiko A. V. Zednik en Esperanto kaj mi poste tradukis ilin en rusan lingvon. La publikigitaj materialoj — humoraĵoj kaj karikaturoj — elvokis intereson ĉe la legantaro.

En „Ŝadrinska Pravda" estis pere de Esperanto publikigitaj la jenaj artikoloj „Sur vojo kovrita per freŝaj floroj" („El P. Ĉ.", №-ro 3 — 1962); „Orflava Kaprido" („El P. Ĉ. №-ro 2, 1962), „Sprita juĝisto" — korea legendo („Paco", №-ro 79); „Sprita terkulturisto" — indonezia popolrakonto (Esperantista Laboristo", №-ro 72); „La oraj amikoj" — vjetnama legendo (el la libro „Monto de la virino", Hanoi, 1959).

Kiel oni vidas, mi utiligas ne nur la helpon de miaj amikoj, sendantaj al mi materialojn el nacilingvaj gazetoj, sed ankaŭ mi tradukas publikigitajn en esperantaj gazetoj kaj libroj materialojn kaj donas ilin al nia loka gazeto. La legantaro ĉiam renkontas kun granda intereso materialojn el la vivo de la popoloj, el ilia strebado por paca kunvivado.

Jakov Vlasov
Ŝadrinsk. Sovet-Unio

## RKJ. CH. SJ DATOE TOEMENGGOENG

**Kun granda bedaŭro kaj kordoloro ni ricevis sciigon de la Indonezia Esperanto-Asocio, ke nia ŝatata kolegino, membro de TEĴA s-ino Rkj. Ch. Sj Datoe Toemenggoeng, reprezentantino de TEĴA en Indonezio kaj prezidantino de la Indonezia Esperanto Asocio forlasis nin.**

**Multaj kolegoj memoras ŝin de Varsovio, Bruselo kaj Harrogate, kie ŝi partoprenis la Universalajn Esp. Kongresojn kaj la jarkunvenojn de TEĴA. Ŝi estas konata kiel fondinto de Indonezia Esperanto Asocio. Dum siaj vojaĝoj tra eŭropaj landoj ŝi renkontiĝis kun multaj esperantistoj kaj jurnalistoj. Oni neniam forgesos nian afablan, laboreman kaj helpeman koleginon.**

---

*La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" salutas sian legantaron okaze de la Novjaraj festotagoj kaj bondeziras al ĉiuj Teĵanoj sanon, feliĉon kaj prosperon en ilia vivo kaj laboro.*



„En la Iĵevska Klubo de Ĵurnalistoj (Udmirta Respubliko, Sovet-Unio) antaŭ nelonge finis sian laboron kurso de Esperanto. La kursanoj estas gelaboristoj de la Iĵevska Presejo kaj ĵurnalistoj. Sur nia foto: la grupo de la kursanoj kun gastoj-esperantistoj el la Iĵevska Medicina Instituto. Dekstre staras la gvidanto de la kurso — verkisto Efim Flejs."

# ADRESOJ DE ĈIUJ MEMBROJ DE T. E. Ĵ. A.

(Daŭrigo de la n-ro 2—3 de „I. Ĵ.").

Celante konigi la adresojn de ĉiuj membroj de Titmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio la redakcio daŭrigas ilian aperigadon. La redakcio petas ĉiujn gekolegojn post konstato de eraro en siaj adresoj aŭ en la adresoj de siaj konatoloj bonvolu sendi al la redakcio la precizajn adresojn.

### BELGIO

M. Jaumo'te, 41 De Bruylaan, Wilrijk. Antwerpen.

### BRAZILO

Sanlo Raimos, Gravintas C M Estado de Sao Paolo
Adea Bonfim, Rua Bosta Castos 556, apt. 302, Santa Teresa, Rio ge Janeiro.

### ĈEĤOSLOVAKIO

A. W. Zednik. Modrany 1482, Praha.
Jozef Novotny, Sulomer'ĉka 2, Praha 8.
Frant Zaehn't Svinov ĉe Ostrava.
Ŝtepan Urban, Na brehu 15, Praha 9,
Inĝ. Ŝtefan Veseli, Hvi e rdosloveva 2, Martin.
Demjan Vahen, Svetinov, Kapele ĉe Brèzice.
Miroslav Mojriŝev, Vratinov 340.
Inĝ, Berthold Guttmann, Bzhanky-Teplice, p. Horska Bistrice.
Jozef Vitek, ul ĉs. Armady 54, Melnik.
Rudolf Burda. Plzen, Palackeho ĉ, 6.
Adolf Statura, Ckalovstr. 863, Ostrava 8 Poruba.

### ĈINIO

Shi Si wei, Ĵurnalista fako, Peking universitato, Peking.
Chang Chi-chend, № 3, Hou Yuan Eng. Shih Peking.
Je Laishi, 45 Cingehan, Bunggie, Peking.

### DANLANDO

G. Norgard Jepsen, Skowangen 17, Silkeborg.
Sohs. Vesterlund-Andersen, Box 136, Kopenhago.
Agnes E. Martenson, Ellehoj 14. I. Helletup.
Poul Thorsen, Dyblansvan G 7. Kopenhago.